# Fenikso

**Forumo de Esperanto Nederland**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland.**

ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,-); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--) ; FENIKSO estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburchweg 435
2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914
<gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike:** Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme,
Albert I-straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:** Eriko : Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

ESPERANTO NEDERLAND

Prezidanto: vakas

Sekretario PROVIZORE vi uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.

Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

Membro-Administranto: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. Tel.: 0527-23 93 78.
<membroj@esperanto-nederland.nl>.

Kasisto: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monnickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Bankkonto: IBAN: NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monnickendam; UEA-konto: esne-h.

Informado/informmaterialo: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.

Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>.

Studie-weekeinde:
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>
aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205,
1788 LE Den Helder, Tel.: 0223-64 37 81.


## Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de januaro 2015. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ENHAVO



## Ĉe la frontpaĝo

Fotoj el la Studsemajnfino en novembro 2015 en Wijk aan Zee:
Tri junuloj,
Dueto de harpistoj kaj
Patkuk-ateliero.

La fotojn sendis Marijke Lathouwers.

## DE VIA REDAKTORO

Ĉi-foje mi atentigas vin, ke vi legu tre atente la rubriketon “El mia leterkesto”: enestas eĉ ALVOKO kontribui al la jubilea UK!
**Por la estonto ni jam informas vin**, ke estas la intenco ke en la unua duono de 2015 aperos komuna numero de ambaŭ Flandra kaj Nederlanda Esperanto-asocioj. Ĉar tradicie niaj revuoj sufiĉe forte malsamas, persone mi ege scivolas pri la rezulto. En la somero 2015 en Lille-Rijsel, se uzi ambaŭlingvajn nomojn de tiu nord-Franca urbo, okazos la 100a UK. Estos do grava jubileo de nia Esperantujo. Esperebl fariĝos inda festado.

Gerrit Berveling

# DE LA ESTRARO

Post la jarkunveno 2014 la estraro jam plurfoje kunvenis.
Intertempe ni fiksis la daton por la jarkunveno en 2015.

La jarkunveno okazos la **13an de junio 2015** en la ejo Kargadoor, Oudegracht 36 en Utrecht. Ni pritaktos la kutimajn punktojn. La plena tagordo aperos en venonta Fenikso.

Ni daŭre serĉas novajn kunlaborantojn! Ĉu vi pretas aktivi? Partoprenu al estrarkunsido(j) kaj vi spertu mem, pri kio ni parolas kaj diskutas. La kunvenoj okazos en Utrecht (en Kargadoor) dum la sabatmateno (de 10.00 ĝis 13.00 h).

La venontaj kunvenoj okazos **la 17an de januaro** kaj **la 7an de marto**. Alia kunveno en la monato majo 2015. Ni pretas repagi al vi la vojaĝkostojn! Kafo/teo kaj kukoj senpage haveblaj! Anoncu vin ĉe Ineke Emmelkamp.



La 14an de februaro okazos 'Brainstorm'-kunveno en Utrecht. Ĉiuj aktivaj membroj estas bonvenaj! Vidu la apartan anoncon pri tiu ĉi aranĝo.

Kaj ne forgesu partopreni al la studsemajnfino en la bela provinco Drenthe. Ĝi okazos la 20an, 21an kaj 22an de marto 2015.

Ĝis revido,
Ineke Emmelkamp
info@esperanto-info.nl

# EL MIA LETERKESTO

1] ***Ik hoor net van Marijke*** *dat het volgende studieweekeinde al is vastgelegd. Dat wordt gehouden in Schoonloo, op 20 t/m 22 maart 2015. Met vriendelijke groeten, Ineke Emmelkamp*

2] **Kiu vere aktivas?**
Fakte estas Simon Smits, kiu vere aktivas informante pri nia lingvo, alirante lernejojn kaj instituciojn por transdoni informan kaj lernigan materialon. Lastatempe li ankaŭ alvokis por kurso en Goes. Imitinda!
Cetere NGGE havas la taskon informi ILEI pri ĉiuj kursoj okazantaj en Nederlando. Bonvolu do sciigi ankaŭ se vi havas nur unu lernanton (tio okazas en unu 'kurso' al mi!).
Kaj la aktivuloj en la Komitato de UEA alvokas *ĉiujn kunpensi pri inda Rezolucio por la Centa Universala Kongreso en 2015 en la franca urbo Lille*. Ne nepre necesas mem partopreni por tamen kontribui!
Fine mi persone petas vin sciigi min pri trovitaj 'falsaj amikoj', tiuj vortoj kiuj 'perfidas' nin, kiel ekzemple 'koffiemelk' (kafokremo), kontraŭ 'kafolakto' (koffie verkeerd: pli da lakto ol da kafo).
Rob Moerbeek.

3] **In het novembernummer van Esperanto** *las ik dat ene Johannes Markus Mabesoone is overleden.*
*Is hij familie van degene naar wie het Mabesoone-fonds heet? Dan is het misschien interessant iets daar over te vertellen in Fenikso. Ineke Emmelkamp of AnsBakker weten er waarschijnlijk meer over. Zelf heb ik geen tijd, er iets mee te doen, loop flink achter met plannen en (zelf opgelegde) taken.*
*Anneke Schouten-Buys*
*P.S. Malgraŭ iom da informpatado ankoraŭ neniu sciis doni detalojn; eble inter nia legantaro iu scias pli, ĉu? – Noto de la redaktoro*

4] **Ĉu vi konas la paĝojn http://esperanto.china.org.cn/ ?** Se jes, kiel vi eksciis pri ili?
(Eble komentu pri viaj impresoj pri ili kaj pri la decido de la ĉina registaro publikigi ilin.)
**Komentis al tio s-ro Henri Masson**: Mi fakte mencias ĝin de multaj jaroj en mia dokumento "L'espéranto au présent" (sekcio 6 pri informado). Estas tre utile sciigi pri ĝia ekzisto same kiel pri ĈRI kaj EPĈ.http://www.ipernity.com/blog/32119/324395
**Poste komentis s-ro Lu Wunsch-Rolshoven**: Mi jam konsciis, ke la paĝoj estas ne tre konataj. **Estas iom mirinde: Lando kun 1,2 miliardoj da homoj decidas publikigi siajn ĉiutagajn novaĵojn por la mondo en Esperanto (inter nur deko da**

**lingvoj), ekde la 29-a de septembro 2001 - kaj la Esperanto-parolantoj ne ekscias tion dum pli ol dek jaroj.** Ŝajne neniu Esperanto-gazeto sufiĉe raportis...

5] **NGGE** informas vin, ke estis aldonita nova parto de la lingva rubriko 'alternsemajna ripeto'. Bonvolu rigardi la retejon de Esperanto Nederland.

6] **DRESDENA AMENO**
Händel unua uzis la Dresdenan Amenon en komponaĵo. Tiu Ameno estas sinsekvo de 5 tonoj (do-re-mi-fa-sol). Li uzis ĝin en B#. Ankaŭ Wagner uzis ĝin, nome post iom sovaĝa parto, kiu esprimas la ĥaoson, por esprimi ekantan ordigon. Ankaŭ Mozart uzis ĝin. Li opiniis, ke oni ĝuu muzikon en tri manieroj: emocie, spirite kaj intelekte/senteme. Tiu lasta maniero estu farita per la 5 sensoj. Mozart estis framasono kaj li opiniis, ke la framasona stelsimbolo, la pentagono aŭ la kvinpintstelo reprezentas la 5 sensojn. Tiel li ligas la 5 tonojn de la Dresdena Ameno al la 5 pintoj de la stelo.

Eksciinte tion per televida programo, mi tuj pensis pri la Esperanto-stelo. Kaj, cerbumante pri tio, mi subite konsciis, ke la Dresdena Ameno aperas ankaŭ en nia himno La Espero! Nome en la enkonduko (kaj do same en la postludaĵo). Kaj krome, ke ĝi (almenaŭ en la antikva (origina?) kompono kiun mi posedas, estas skribita en B#. Do ĉu ni povas konkludi, ke Esperanto tiklas la 5 sensojn kaj per tiuj la intelekton, alportante ordigon? Amen.

*Kees Ruig, Malden*

7] **Eta novaĵo el Groningen (fine de okt 2014).**
Hieraŭ nia klubo okazigis 'open avond'. Ni sendis gazetarajn mesaĝojn al diversaj gazetoj kaj radio. Johan Swenker estis intervjuita de la groningena radio, kaj la vespero estis menciita en frisa radio. Venis unu viro, kiu legis pri la vespero en la retejo de Esperanto Nederland.
Li jam sciis multajn aferojn, kiujn li eksciis en nia budo de la Drongo-festivalo! Poste li rigardis en interreto kaj trovis la Groningenan vesperon! Eble li ĉeestos la studsemajnfinon en Wijk aan Zee! Do, Drongo ne estas nur por okcidentuloj!
Ineke.

# BRAINSTORMEN!

*Af en toe is het voor een organisatie zinvol na te denken over de toekomst en wat voor ontwikkelingen er in de maatschappij zijn waar we op moeten letten. Op 14 februari 2015 organiseert Esperanto Nederland een bijeenkomst waarin we over de strategische keuzen van de organisatie praten met het oog op de toekomst. Eerst gaat dat aan de hand van brainstormen: iedereen kan roepen wat zij/hij wil; dat kunnen ook de wildste ideeën zijn, die op het eerste gezicht nergens op lijken te slaan. Daarna worden die ideeën dan geordend en nader uitgewerkt. Dan gaat het o.a. om vragen over hoe wij het publiek informeren, welke doelen we ons stellen en welke doelgroepen we onderscheiden. Hoe zit het met leermateriaal, cursussen, en wat doen we om het gebruik van Esperanto te stimuleren. Aan wat voor bijeenkomsten hebben we behoefte? Welke scenario's zijn mogelijk en hoe kun je daar als Esperanto-beweging op inspelen?*






*Datum: 14 februari 2015*
*Van 10.00 tot 10.30 ontvangst met koffie,*
*Daarna de brainstormsessie, lunch, uitwerken van de ideeën.*
*Einde 16.30 uur.*

*Locatie: De Kargadoor, Oudegracht 36, 3511 AP Utrecht*

*Iedereen die actief mee wil doen is van harte welkom. Laat even weten of je komt.*
*Opgeven bij Ineke Emmelkamp, via mail: info@esperanto-info.nl*

# REVUOJ RICEVITAJ

En la pasinta numero, pro nesufiĉa spaco, tiu ĉi rubriko bedaŭrinde devis forfali. Ni do nun iom rapide informu vin: ***Nederlanda Katoliko***,nr 2 + 3 2014: oni decidis fine de 2014 malfondi la unuiĝon; ***Sennaciulo***, mart-apr + maj-jun + jul-aŭg + sep-okt 2014: frapis min artikolo pri "tagoj de ateismo" kiuj unuafoje estis organizitaj en Pollando – ke tiulande oni sopiras je iu kontraŭpezo kontraŭ katolikismo, mi povas imagi; alinumere artikolo pri antisemitismo en Pollando; laste artikolo pri Politikaj opinioj de Pollandanoj; ***La Sago (Sat-Amikara Gazeto)***, nr 101, 102, 103 (maj-okt 2014): bela recenzo pri *Sub fremdaj ĉieloj* de Edwin de Kock; ***La Revuo Orienta***, nr 1110, 1111, 1112, 1113 kaj 1114 (jun—okt 2014: artikoleto pri "graveco de la angla kaj tamena malbona rezulto", bonaj sinprezentoj de estraranoj, artikolo pri HORI Jasuo kaj lia agado; ***Esperanto aktuell,*** 2014-3/4/5: artikolo Patriotismo ne estas festo! Belaj fotoj pri la ekumena diservo kovrilpaĝe pentekosta; Gruntvig-seminario en Sneek/Nederlando; grupfoto pri la partoprenantaro de la kongreso en Erfurt; ***La KancerKliniko***, nr 151 + 152: recenzoj pri *Konvinka kamuflaĵo* de Trevor Steele kaj pri *Homoj de Putin* de Kalle Kniivilä – ambaŭ legindaj!; bonaj tradukoj el *Libro de Poezio (shijing)*; unua tabulo de *La kanto de Gilgameŝ*; ***Horizontaal***, nr 268 + 269 + 270: Nederlandstalig blad van onze Belgische collegae: interview met Philippe Van Parijs "Engels als lingua franca"; Claude Piron – Volk zonder taal; ***Één wereld (nieuwsbrief van de Wereldfederalisten-beweging NL)***: nr 2, 2014: o.a. Rob Moerbeek over Indonesische weduwen; Jan-Willem van Leenhoff over de Franse econoom Thomas Piketty; ***La Espero, el Svedio***, nr 2014: / 5-6: artikolo de "nia" Ed Borsboom pri inkunabloj; ***Esperanto (UEA)***, jul-aŭg ĝis inkl. okt 2014 – sed tiun vi ĉiuj ja abonas ĉu ne?; ***Sennacieca Revuo***, nr 2014: kiel klasikfilologon kun sufiĉe da sperto en Esperanto-tradukado precipe interesis min la artikolo de Francisko Degoul – *Transskribo de propraj nomoj helenaj (escepte de nomoj hebredevenaj)*; mi miras, kial li ŝajne deiras sole nur el teoriumadoj leksikografiaj de Wüster, Waringhien kaj PIV (Duc Goninaz), dum la efektivan uzadon li neglektas ekz en Biblio (inkluzive de la Duakanonaĵoj – oni pensu pri *Kilikio* anstataŭ Cilicio) kaj la 5 volumoj de Antologio Latina k.m.a.; ***Kontakto***, nr 262 + 263: artikolo pri la spuroj de Tibor Sekelj – po parto en ambaŭ n-roj; ***La Brita Esperantisto***, nr 977, aŭtuno 2014: Marjorie Boulton 90-jara; bona artikolo pri Esperanto kaj la unua mondmilito; ***AEU-bulteno (Andaluzia Esperanto-Unuiĝo)***, jul-sep 2014: bona raportaĵo pri la UK en Bonaero; ***Nova Irlanda Esperantisto***, nr 124 + 125: por la komencantoj oni ankoraŭ havas paĝon kun kvadrato anstataŭ la litero ŝ.

GB

# ESPERANTO PUBLIKE

1] Nome de Rob Moerbeek mi plusendas al vi kopion de artikolo pri la studsemajnfino en la gazeto **Zondagochtendblad de Beverwijk/Heemskerk**. La artikolo aperis en la eldono de 2 novembro 2014; kore salutas Ralph Schmeits, Centra Oficejo de UEA

2] *In het blad De Geestmolen (augustus jl)*. MOLENWIEKJE

*Maak kennis met de wereldtaal*

***ESPERANTO***

*tijdens het Studieweekeinde voor alle leeftijden*

*7-8-9-november 2014*

*in De Banjaert te Wijk aan Zee.*

*Informatie en aanmelden:*

*Studsemajnfino@esperanto-nederland.nl*

*of telefonisch: 0223-643781*

A Heijstra-Valkering, Heiloo.

# FILMETOJ

Mia amiko Miguel Gutiérrez Adúriz (sed ne nur li!) liveras ofte novajn filmetojn. Precipe grava estas punkto 1] tuj-sube:

1] **Naskiĝis "HISTORIEJO"**, nova esperanta jutuba kanalo kreita por kontaktigi nin kun la E-historio. Frandu jam ĝian unuan filmon, plene en Esperanto: "Mirinda Kroatio" http://youtu.be/Xl52rNC9Uko Aliĝu al HISTORIEJO. www.youtube.com/user/Historiejo Disanoncu la novaĵon. Helpu nin flegi nian kulturon.

2] **Tomasz Chmielik omaĝas** al Edmond Privat en la 12a Renkontiĝo de Esperantlingvaj Verkistoj kaj Tradukistoj: http://youtu.be/8yGOaHMqsD0

3] **François Stride interpretas la "Tarantelle"** (87a SAT-Kongreso, aŭgusto de 2014) http://youtu.be/KXGHCaINACA

4] **Erszébet Sekelj prezentas** la libron "Padma, la eta dancistino" de Tibor Sekelj: http://youtu.be/faB_HDB-X_Y

5] **Sten Johansson: Jen** estas filmeto kun tre favora buŝa prezento fare de Paulo Sérgio Viana pri mia esearo Kroze – Proze: https://www.youtube.com/watch?v=-Z3n9zkHu0o&feature=youtu.be

6] Jen **pupteatraĵo** de Vibeke Helgesen (Norvegio), ludita en la 21a Pupteatra Internacia Festivalo: http://youtu.be/mwm21hŜU1A

# RECENZO

**La Jubilea libro de Akademianoj: 100-jara Esperanto 1887-1997** aperis ĉe Fonto (1987)

La prezenton de Geraldo Mattos sekvas dek ses artikoloj diverstemaj, diversstilaj.

André Albault skribas pri **propraj nomoj kaj apelativoj** – kelkaj ideoj pri iliaj karakteroj, pri ilia sennombreco; konsideroj pri nia sinteno. Ĝi enhavas teorion kaj klarigon; ĝis nun mi eĉ ne konis la vorton apelativo, kiun la aŭtoro klarigas en la unua paragrafo.

Werner Bormann skribas pri **internacia kaj naciaj lingvoj**, i.a. menciante subtilajn diferencojn inter nacilingvaj vortoj kun preskaŭ samaj signifoj, kiuj malfaciligas al eksterlandanoj ĝustan vortuzon.

Marjorie Boulton tre interese rakontas pri **la evoluo de Esperanto, observita tra tradukoj de Ŝekspiraj dramoj**. La aŭtorino prikomentas ekde la traduko de Hamlet far D-ro Zamenhof en 1894 ĝis tiu de Rikardo Tria far John Francis en 1980 la kvalitojn de ĉiu traduko: ĉu ili estis poeziecaj, ĉu ili ne ellasis malfacilajn versojn, ĉu kantoj en la teatraĵoj estas kanteblaj, menciante same mistradukojn kaj belajn eltrovojn.

Probal Daŝgupto skribas pri **kategorioj, la fleksio, la lingvistiko, kaj radikoj en Esperanto**. Sufiĉe teoria artikolo, kiu tamen interesos multajn legantojn.

Edwin de Kock skribas pri **la principoj por la takso de neologismoj** – tre interesa temo, kiun li pritraktas kun multaj ekzemploj.

"Baldaŭ post la apero de Esperanto, Zamenhof kaj aliaj komprenis, ke ne sufiĉas por esprimi ĉion la limigita vortprovizo, per kiu komenciĝis la lingvo. Tio evidentis, unuavice, rilate la literaturon, kvankam efektive temas pri problemo pli ampleksa. La solvo estis enkonduki aldonajn radikojn, apud la pliekspluatado de la lingvolatentoj. Tiel naskiĝis la tiel nomataj neologismoj."(p. 76.) La titoloj de kelkaj paragrafoj indikas la vastecon de la temo: eviti, se eble, absolutan sinonimecon; altfrekvencaj vortoj estu, prefere, mallongaj; atentu la lingvokutimojn de la homaro; novaj vortoj estu antaŭ ĉio klaraj, ktp.

William John Downes skribas pri la **etoso de propraj nomoj.** Li protestas kontraŭ literumo de sia nomo kiel Viliamo Ĝono Daŭnzo; kio memorigas min pri la prononco de mia nomo: anglaj geamikoj diras Ènekie, kaj polaj Annèk; la lastan mi unue ne rekonis kiel mian nomon! – Li resumas la artikolon jene: "Mi proponas, ke ĉe landnomoj kaj ĉiuj aliaj geografiaj nomoj oni uzadu senŝanĝe la normalajn jam ekzistantajn formojn

ĝeneralajn en la koncerna lando aŭ teritorio, kaj ankaŭ la internacie konatajn formojn de la nomoj de aliaj landoj kaj teritorioj. Se necese aŭ konsilinde oni donu inter krampoj esperantigitan formon de la nomoj. Ankaŭ personaj nomoj restu sen ŝanĝoj. Oni ne uzu la finaĵon –o ĉe personaj kaj geografiaj nomoj – oni sekvu la ekzemplon de Zamenhof en lia traduko de tiutempe ne tradukitaj libroj de la Malnova Testamento rilate al nominativaj nomoj, sed ne rilate al la akuzativaj. Neuzo de –o implicas neuzon de –on, kaj la motivoj por la neuzado estas la sama ĉe ambaŭ finaĵoj…”(p.96-97.)

Michel Duc Goninaz skribas en **Por kio utilas la Fundamenta Gramatiko?** pri la “mita netuŝeblo” de la Fundamento kaj la dek ses reguloj. “Nombro, kiun entuziasmuloj ofte mencias kvankam la divido en paragrafoj estis pure arbitra kaj alia aŭtoro prezentus la saman lingvan sistemon alimaniere kaj atingus nombron pli malgrandan aŭ pli grandan ol dek ses.” (p. 98-99) Ĉi tiun artikolon mi legis kun granda intereso.

Bernard Golden amplekse skribas pri **Terminologia kaoso: komputilo, komputero, komputoro**. Li mencias i.a. la nelaŭregulecon de “komputilo” ĉar la verbo komputi ne signifas – aŭ almenaŭ ne signifis la permaŝinan prilaboron de datenoj.

Reinhard Haupenthal rakontas pri **Johann Hummler, pioniro de la planlingvo Volapük**.

Kaj Leopold H. Knoedt avertas: **Atentu la kaptilojn**. Temas pri “falsaj amikoj” en latinidaj lingvoj, ekz. “amplexo el L. amplexu, derivita de amplecti = ĉirkaŭbraki. Same kiel la portugala, la itala ‘amplesso’ konservis la latinan signifon ‘brakumo’. La Esperanta ‘amplekso’ tradukiĝas per ‘amplidão´, amplitude, vastidão ´ (p. 148) Sekvas multe da tiaj ekzemploj.

De François Lo Jakomo oni legas pri **Fluideco kaj evoluo: scienca analizo de akademiaj decidoj.** “lingvo-scienco estas multe pli vasta ol oni kutime supozas, ĉar ĉiuj konoj kaj perceptoj de la mondo esprimiĝas pere de lingvo. Sed mia ĉefa celo en tiu ĉi enkonduko estas pruvi, ke lingvaj konceptoj ekzistas nur interne de nia homa cerbo. Kelkaj estas relative universalaj por homoj (ekzemple supro kaj malsupro), … aliaj varias de lingvo al lingvo ekzemple la koloroj.” P. 163.

Geraldo Mattos verkis longe, tre “teorie” pri **Vortanalizo en Esperanto**.

Baldur Ragnarsson verkis pri **La proza poemo: la ĝenro, ĝiaj latentoj kaj aplikoj**. Mi pensis, ke temos pri ne-rimantaj poemoj, sed tiuj fakte estas “ liberversaj.” Prozaj poemoj aspektas kiel tekstoj kun linioj same longaj kiel en prozo, dividitaj en alineoj.

Juan Régulo Pérez rakontas pri **kiel Lazaro Zamenhof ricevis al Reĝan Ordenon de Izabela la Katolika,** kun fotokopio de la dokumento, kaj klarigas la diversajn literumadojn de la nomo Zamenhof, la deveno kaj sinsekvo de liaj antaŭnomoj.

Reto Rosetti en **La kruro de la pantalono** skribas pri la demando kion oni unue instruu al infanoj. “…kontraŭ la konvencioj de rutinaj pedagogoj, mi permesas al mi dubi, ĉu iu ajn fako estas ŝtupara aŭ hierarkia strukturo, kaj simpatia al mi estas la principo de Jerome Bruner: Oni povas klarigi en ia honestas maniero ion ajn al iu ajn, de kiu ajn aĝo. Ĝi ŝajnas al mi la devizo de la vera instruisto.” (p. 229) Tio memorigas min pri la instruisto pri fiziko kaj biologio, S-ro Ruitenbeek, kiu tiel klare klarigis ke eĉ post 50 jarojn mi memoras tion, ke sen adhero oni ne povus pentri pordon – ne pro tio, ke la farbo defalus, sed pro tio ke la farbo ne adherus al la peniko.

C. Støp-Bowitz skribas pri **Fakaj terminoj kaj la vortsrukturo de Esperanto**. “ La grava demando estas nun kiel krei esperantajn ekvivalentojn por ĉi tiuj fakaj vortoj. Ofte la aŭtoro de vorto por nova nocio kreas ĝin en formo latina… aŭ kreas ĝin en formo taŭga por sia nacia lingvo aŭ por la fremda nacia lingvo, en kiu li kutime publikigas siajn sciencajn verkojn…” (p.231.)

Ĉi tiu libro enhavas ion por ĉies intereso kaj gusto, ankaŭ nun, pli ol 25 jarojn post ĝia apero.

Anneke Schouten

# INVITOJ

1] *Pentekosta Esperanto-kongreso*
**La Germana Esperanto-Kongreso 2015 okazos en Hameln kaj mi estas la prezidanto de la loka klubo "La Ratkaptista Bando" kaj de la LKK. Ni jam preparis kaj organizis multon kaj daŭre plulaboras por havi sukcesan kongreson.**
**Ni invitas vin partopreni, ĉu oficiale kun la landa asocio aŭ ĉu nur individue per persona partoprenado, en ĉiu kazo vi kompreneble estas invitataj kaj bonvenigataj partopreni la kongreson pentekoste en Hameln.**
**Jen vi trovas kelkajn unuajn informojn pri la kongreso jam sur la paĝo:**
**http://www.esperanto.de/gek2015 .**
**Kore salutas vin**
**Heinz W. Sprick**

2] *Post iom da paŭzado (estis tro da samtempaj aferoj…), ni ree invitas vin ĉiujn al nia* ***Librolegado en Rijswijk****: ĝi okazos la 10-an de januaro 2015, 11.00 – 15.00 h, en la hejmo de la redaktoro; se vi volas partopreni, sciigu nin rete gerritberveling@ziggo.nl aŭ telefone 070-213 4919. Ni planas ĉi-foje legi en la aŭtobiografio de Madzy van der Kooij. Ekzempleroj sufiĉaj ĉe-estas. Tagmeze ni paŭzos por simpla pan-manĝeto kun iom da kafo aŭ teo. Adreso: Van Vredenburchweg 435 / 2284 TA Rijswijk.*

# RAPORTAĴOJ

1] *Op 12 september 2014 werd mw. Els van Dijk benoemd tot Ere-medewerkende van het Internationaal Esperanto-Instituut, volgens de aan haar uitgereikte oorkonde 'vanwege bestuurswerk voor KELI (1981-2011) en voor Esperanto-Nederland (1999-2007) en voor haar veelzijdige huishoudelijke taken (vanaf 2007) ten behoeve van het kantoor van IEI '*





2] **Grava mesaĝo de la Studsemajnfino-organiza(i)ntoj**:
La kombino de la studsemajnfino kaj la KKPS de NEJ estis sufiĉe sukcesa, kvankam ni rimarkis multajn aferojn plibonigindajn. Entute partoprenis pli ol 80 personoj, kaj la junuloj el eksterlandoj havis la majoritaton. Krom la kutimaj programeroj de ambaŭ organizaĵoj Esperanto Nederland organizis kelkajn aliajn programerojn, kiel: prelego pri la harpo kun multaj muzikaj ekzemploj, de Saskia Veen. Kiam tio estis preskaŭ finita, venis unu el la junuloj kun sia propra harpo, kaj, tute ne atendite, sonis kelkaj belaj duetoj.
La prezentado de Kapriol' sabatvespere, kun la folkbalo, estis plezuro por juna kaj olda.
Ankaŭ la prezentado de Malvo vendredvespere estis tre aprezita.
Ĉu la lecionoj pri Esperanto kaj



Merkatumado, organizite de NEJ, ankaŭ estis sukcesplenaj, mi ne povas prijuĝi. Mi estis tro okupita pri la organizado por iom rimarki pri tio.

Pri tiu organizado mi havas la sekvajn komunikojn:

Vinus, mia edzo kaj administranto kaj kun-organizanto de la studsemajnfinoj, bedaŭrinde devas ĉesi pro sanproblemoj. Kaj por mi, organizanto kaj ĉiofaranto, sufiĉas nun post 9 jaroj. Mi volas ankoraŭ maksimume unu jaron fari la organizadon, por inici novan organizadulon, sed tiam, post 10 jaroj, mi vere ĉesos pri la afero.

Ankaŭ nia kutima kuiranto, Sievert Ahlers, jam ĉesis, pro reiro al restoracio, do por la pasinta semajnfino ni jam petis ekstran kuirejan helpon: Jannie v.d.Hoek, kaj por la kuiratelieroj aliĝis Loes Demmendaal, kiu krom tio estis bona helpanto en la kuirejo.

Jannie promesis denove helpi dum la sekva "ordinara" studsemajnfino en marto. Sed ni bezonas duan helpanton. Ĉar mi rimarkis, ke oni ne povas kuiri kaj organizi samtempe, tiam povas okazi strangaj aferoj. **Do mi urĝe serĉas duan kuirejan helpanton.**

**Kaj mi ankaŭ volas inici novan organizanton jam dum la venonta studsemajnfino**. Tion mi volas fari dufoje, se necese, pro tio, ke vi povu transpreni ĉion bone.

Kiu ŝatas fari unu el la aktivaĵoj, bonvolu kontakti min.

La sekva semajnfino jam estas planita de la 20a ĝis la 22a de marto 2015, en la plej taŭga grupdomo "de Strubben" en Schoonlo, Drenthe. Kaj granda avantaĵo estas: vi rajtas partopreni senpage! Kaj krome ricevos rekompencon de viaj kostoj.

***Belangrijk bericht van de Studieweekend-organisatoren:***

*De combinatie van het Studieweekend en de KKPS van NEJ was redelijk succesvol. Hoewel we veel verbeterpunten opmerkten. Er deden in totaal meer dan 80 personen mee, en de buitenlandse jongeren waren ver in de meerderheid. Behalve de gewone programma's van beide organisaties, waren er ook enkele andere programmapunten georganiseerd door Esperanto Nederland. Zoals: een lezing over de harp met veel muzikale voorbeelden, door Saskia Veen. Toen dit bijna afgelopen was, kwam een van de jongeren ook met haar harp, en, volkomen onverwacht, werden er een paar mooie duetten gespeeld.*



*Het optreden van Kapriol' op zaterdagavond was, samen met de volksdansen, een plezier voor jong en oud.*

*Ook het optreden van Malvo vrijdagavond werd erg gewaardeerd.*

*Of de lessen over Esperanto en Merkatumado, ingebracht door NEJ, succesvol waren, kan ik niet beoordelen. Ik had het te druk met de algehele organisatie om hier iets van mee te krijgen.*

*Over die organisatie heb ik het volgende mede te delen: Vinus, mijn echtgenoot en administrateur en mede-organisator van de studieweekends, moet helaas stoppen om gezondheidsredenen. En ikzelf, organisator en manusje van alles, vind het na 9 jaar welletjes. Ik wil nog hooguit 1 jaar de organisatie doen, om een nieuwe organisator*



*in te werken, maar dan, na 10 jaar, stop ik er echt mee.*

*Ook onze vaste kok Sievert Ahlers is gestopt, wegens terugkeer in de horeca, dus voor het voorbije weekend hadden we al extra keukenpersoneel gevraagd: Jannie v.d.Hoek. En voor de kookworkshops had Loes Demmendaal zich aangemeld, die voor de rest ook meehielp in de keuken.*

*Jannie heeft toegezegd om in het eerstvolgende "gewone" studieweekend in maart weer te helpen in de keuken. Maar er is daar nog een*

*tweede hulp nodig. Want ik heb gemerkt, dat je niet tegelijk kunt koken en de organisatie doen, dan gaan er rare dingen gebeuren.* ***Dus vraag ik dringend om een tweede keukenhulp****.*

***En ook zou ik graag volgend weekend al een nieuwe organisator inwijden.*** *Dat wil ik zonodig twee keer doen, zodat je alles goed kunt overnemen.*

*Wie voor een van de activiteiten voelt, wordt verzocht contact op te nemen.*

*Het volgende weekend staat al gepland van 20 tot 22 maart 2015, in de meest geschikte groeps-accomodatie "de Strubben", in Schoonloo, Drenthe. En een groot voordeel is: je mag gratis meedoen! En krijgt bovendien onkosten vergoed.*

*Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Julianadorp.*

*Tel: 0223-643781, retadreso: studsemajnfino@esperanto-nederland.nl*

Salutas Marijke.

3] **PROMOCIO de OCEANOGRAFO**

Vendredon la 28-an de novembro ĉe la ŝtata universitato de Groningen doktoriĝis Marcus M.P. van Hulten (1980), defendinte sian anglalingvan disertacion "Aluminio kaj Mangano en la Okcidenta Atlantiko. Modelstudo." Resumoj kaj tezoj estis aldonitaj, angle, nederlande kaj Esperante. En la libro mem (294 paĝoj) dankvortoj estas presitaj pro helpo ĉe la esperantigo ankaŭ al Roel Haveman kaj Ed Borsboom.

Aluminio estas la tria plej ofta elemento kaj grave rolas por la fortigo de la silicia ŝelo de la plej oftaj plantaj planktoneroj, la diatomeoj. Kaj mangano grave rolas en la fotosintezo kaj kiel nutrero.

Marco komparis mezurojn de tiuj spurelementoj en specimenoj de oceanakvo kun ĝenerale uzataj eŭropaj komputilaj modeloj pri la distribuo de solvita aluminio kaj konstatis loke okulfrapan diverĝon. Kaj por la distribuo de solvita mangano li mem evoluigis komputilan modelon.

Nin kiel esperantistojn aparte interesas lia oka tezo, ke por vortigi pensojn plej konvenas la gepatra lingvo kaj por internacia uzo neŭtrala lingvo kiel Esperanto. Kiam fine la promocianta profesoro Hein de Baar transdonis la parolvicon al la estro de la Reĝa metologia Instituto Andreas Sterl, ĉi tiu do uzis la nederlandan kaj aparte laŭdis la larĝperspektivan aliron de Marco, inkluzive de Esperanto.

Marco van Hulten krome aktivas en la agadogrupo Monda Jura Ordo de WFBN, la nederlanda branĉo de la Mondfederista Movado. Li plurfoje helpis min instrui Esperanton en tiu rondo.

Rob Moerbeek.

## ĈU ESPERANTO MALFERMAS LA MENSON ?

Ni konas la propedeŭtikan valoron de Esperanto. Ĉu ni povos aldoni ekstran econ al tiu valoro? Se ni rajtas kredi d-rinon Antonella Sorace el Skotlando: jes. En artikolo de *Het Parool* (25-10-14) ŝi asertas, ke deinfanaĝa dulingvismo ŝanĝas la cerbon en pozitiva maniero. Tiaj infanoj multe pli bone komprenas, kiel lingvo estas strukturita kaj tial pli facile lernas trian aŭ kvaran lingvon. Ilia menso malfermiĝas simple, ĉar ili konscias, ke oni povas nomi la saman objekton du-maniere. Krome dulingvaj infanoj scias, ke eblas havi diferencan perspektivon al aĵoj – ankaŭ ekster la lingvo. En nia hodiaŭa socio tiu kompreno pri pluraj perspektivoj estas grava por krei respekton kaj toleron.

Antonella Sorace estas profesorino pri evolulingvistiko de la Universitato de Edinburgo. En sia esplorado ŝi koncentriĝas precipe je dulingvismo. Ŝi nepre ne kredas, ke estas bona evoludirekto, ke la angla monde pli kaj pli graviĝas. Ŝi referencas al la fakto, ke regionaj lingvoj estas malpli aprezataj. Malprave. Dulingvismo povas esti ankaŭ la regado de regiona lingvo kaj nacia lingvo. Dialektoj certe valoras. Superrego de la angla povas rezulti en la kredo, ke la propra (nederlanda) lingvo estas malpli utila. Britoj estas grandparte unulingvaj kaj oni povas facile konstati la konsekvencojn de tio.

Antonella Sorace estas fondinto kaj direktoro de ***Bilingualism Matters*** (dulingvismo gravas), centro por dulingvismo. Ĝia mesaĝo estas, ke ĉiuj lingvoj estas utilaj. Grave estas havi pli ol unu lingvon en la cerbo, ne kiom da homoj ĝin parolas. Kompreneble ja gravas alirilate, sed ne por la persona evoluo. BM dumtempe estiĝis eŭropa retejo. Antaŭ mallonge ĝi malfermis en Nederlando filion (la 12-an). Oni organizas prelegojn, seminariojn, esplorojn kaj kunlaborojn. La celgrupo konsistas el ĉiuj sektoroj de la socio: instruistoj, sanspecialistoj, strategiistoj, gepatroj, entreprenoj. Ĉu ne kunlabor-oportuno por la Esperanto-movado? Laŭ mi Esperanto povus grave roli en la strebado de BM!

Kees Ruig, Malden

# NEKROLOGO

1] **Cyriel van Dijk 1923 – 2014**
La 27-an de oktobro forpasis je la aĝo de 87 jaroj sinjoro Cyriel van Dijk el Zaltbommel. Cyriel kaj mi hazarde fariĝis korespondamikoj. Al tio "kulpis" iama komuna korespondamiko el Madagaskaro. Krom pri Esperanto Cyriel kaj mi ambaŭ ankaŭ interesiĝis pri naturo kaj ĝi estis grava temo en nia korespondado. Dum multaj jaroj Cyriel kaj lia edzino Nel kun plezuro prizorgis sian hobio-ĝardenon. Li ankaŭ tre interesiĝis pri la disvolviĝo de pluraj gravaj internaciaj temoj. La ekrano de la komputilo por li estis fenestro al la mondo. Ĝis antaŭ nelonge Cyriel estis ŝatata membro de la pentroklubo "De Aak" en Zaltbommel. Pasintan someron la loĝejo de Nel kaj Cyriel estis renovigita. Estas bedaŭrinde, ke ili nur mallonge kune povis profiti la avantaĝojn de la renovigo. Precipe por Nel, sed ankaŭ por la aliaj parencoj, la forpaso de Cyriel estas grava perdo. Espereble la multaj belaj memoroj al la mortinto povas iom mildigi la perdon.

Luit Staghouwer

2] **El *La Amsterdama Rondo*:** Je mia bedauro mi sendas al vi mesaĝon, kiun mi ricevis de Elly Schaap-Glas. Miaj sentoj de funebro akompanas ŝin. Al sinjorino Schaap mi deziras kuraĝon kaj forton. Nedko estis modesta, ĉarma kaj inteligenta viro. Li kun plezuro partoprenis niajn kunvenojn. Ni plezure vidis lin inter tiuj, kiuj vizitis regule La Amsterdaman Rondon. Li mankos al ni. Sed bonaj memoroj pri li restos ĉe ni.

A.J.B-tH

*Het is een heel treurige situatie geweest in Bulgarije. Nedko heeft twee en een halve maand in Sofia in het ziekenhuis gelegen. Ik kon daar een kamer huren in het ziekenhuis. Hij is aan de by-pass geopereerd, maar 3 dagen later moest er een spoed-operatie plaats vinden. [...] 14 oktober is hij aan een bloeding overleden. 14 November zal ik weer naar Bulgarije gaan. Zijn dochter zal ik dan bezoeken en sterken met het opruimen van het huis van Nedko, dat te koop staat. Voorlopig zal ik de bijeenkomsten in Amsterdam dus niet bezoeken. Van Nedko moet ik iedereen bedanken voor de hartelijkheid waarmee hij in Nederland is ontvangen. Goede bijeenkomsten wens ik U allen toe, hartelijke groet van Elly Schaap-Glas*

3] **Ru Bossong**
La 11-an de novembro 2014: tiun tagon forpasis unu el niaj fondintoj kaj la unua kasisto de EKE, Sinjoro Ru Bossong.
Hodiaŭ mi ricevis la funebran leteron kaj frapis min la birdo (gruo) kaj la teksto:
*Ru wist wat hij wilde. Een bevlogen man met liefde voor natuur en cultuur, maar vooral voor Catrien. Socialist en esperantist in hart en nieren.*
*Post fruktodona vivo glitis el la vivo*
*25-9-1923 --- 11-11-2014*
*Ru sciis kion li volas. Entuziasma persono kun amo por naturo kaj kulturo, sed precipe por Katrin. Ĝisosta socialisto kaj esperantisto.*
Precize antaŭ 50 jaroj, la 15an de decembro kunvenis kelkaj esperantistoj en Floraplein 23 Eindhoven kaj fondis la Esperanto-Klubon Eindhoven. Poste mallongigita al EKE. Kelkajn jarojn poste mi konatiĝis al EKE. Jam dum mi sekvis la televidan kurson en 1971, la estraro de EKE invitis min al sia kunveno. Tuj Ru pretis instrui. Ĉiun semajnon ni kunvenis kvar-kvinope por spertigi la parolon kaj inter ni lia nomo baldaŭ ŝanĝiĝis al "vivanta vortaro". Ne nur vortojn li konis, sed ankaŭ ĉiujn plant-, arbo-, birdonomojn. Promenante kun ni inter la kampoj kaj arbaroj dum la juniaj piknikoj, li montris kaj klarigis pri plantoj kaj bestoj. Iun sunplenan aŭtunan sabatomatenon Ru entuziasme alvokis: "Cu vi vidis ilin? Ĉu vi aŭdis la sonon?" ( Ru nur parolis esperante.) Temas pri dudeko da gruoj, superflugantaj, belege kontraste al la helblua ĉielo. En la klubvesperoj dum skrabloludado neniu sukcesis gajni premion, do ek de la komenco li fariĝis la gvidisto. Kiam laŭ lia opinio Katrin tro larĝskale parolis, li iel speciale scipovis limigi ŝin. Konata estas la laŭta voĉo por aŭdigi al ni lian mal-konsenton aŭ opinion. Kelkajn temojn ni ĉiam klopodis eviti. Sed ho veh, se tamen foje ………… Entuziasme li raportis pri esperantaj eksterlandaj vojaĝoj. Pri restado en la dezerto de Nord-Afriko, pri Ĉinio, Japanio, trajnvojaĝo tra la iama Sovjet-Unio, (mi aŭdis ion pri mallonga pantalono dum nokta promenado kaj polica malkonsento), vizitoj al Brazilo kaj Bona Espero, Islando, Kubo, ktp.. Li montris diapozitivojn kaj vigle rakontis.



Pasintan 25an de septembro Ru fariĝis 91-jara. La kunvenon de EKE en tiu monato li ankoraŭ ĉeestis kaj aŭskultis la feriajn travivaĵojn niajn. Mem li kontribuis el propraj memoroj kaj tre ĝuis la ĉokoladan torton bakitan de unu el ni. Katrin tre mankis al li post ŝia forpaso la 3an de aprilo 2012. Pli kaj pli Ru malfortiĝis, ne perdis la intereson sed la forton memstare daŭrigi. Kaj ĝuste tiun ĉi jaron ni iom ceremonie memoras la "or"-iĝo de EKE. Ni antaŭĝojis, ke el la tri fondintoj ankoraŭ du povus ĉeesti. Tiel ne estos ....
Esperanto estas Ru kaj Ru estas Esperanto. Forpasis tre aktiva, instiga homo, ni ne forgesu lin.
*"De vogel is gevlogen" "La birdo forflugis".*

Mareje van Erp, membro de EKE.

4] **En la 19a de oktobro 2014 forpasis Aad Demmendaal-op den Brouw, 87-jara.**
Ŝi estis unu el la diligenta kolegaro, kiu en laboro paca ne laciĝis.
Ŝi esperantiĝis en 1960 per kurso en kvartala gazeto de Anton Vollegraaf. En 1963 ŝi ekkorespondis kun familio el Pardubice en tiama Ĉeĥoslovakio. La amikeco daŭris. Multfojaj vizitoj sekvis, plejofte ĉiujare ĝis la sanstato malebligis tion. Antaŭ la unua vizito en 1966 al Pardubice ŝi certigis, ke ŝia edzo kaj ambaŭ filinoj ankaŭ lernis Esperanton.
Aad estis aktiva membro de FLE kaj SAT. En decembro 1972 ŝi provizore transprenis la membro-administradon de FLE de k-do Siglé. En 1973 sekvis la oficiala elekto dum la nacia FLE-kongreso en Hengelo. De 1977 ĝis 1982 ŝi deĵoris kiel kasistino de FLE kaj la Faulhaber Fondaĵo. De 1989 ĝis 1996 ŝi prizorgis la administradon de Komuna Esperanto Gazeto.
Ŝi ankaŭ loke en Rotterdamo okupiĝis pri la financoj kaj instruado (gramatiko).
Tre sukcese ŝi funkciis kiel kasistino de la SAT kongresoj en Hago kaj Amersfoort. La laborantoj en la SAT-sidejo en Parizo bone konis kaj laŭdis ŝian kapablon pri financoj kaj akurataj buĝetoj. De decembro 1996 ĝis fino de 2003 ŝi estis la kasisto de TANEF. Pro sia sanstato ŝi, je ŝia bedaŭro, devis ĉesi la amatajn taskojn.

Loes en Inge Demmendaal

